# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista" (IKUE) kaj de „Blanka Kruco" (internacia misio katolika)




Numero 7. 1922 | I. Jarkolekto 1921/22

# La Papo estas mortinta. — Vivu la Papo!

## Nia patro estas mortinta.

Ekploru kristanaro! Nia patro estas mortinta!

Nia patro. Ni ĉiuj ja estas infanoj de unu sama eklezio tutmonda; ni ĉiuj, la spiritaj infanoj de l' eterna lumo; ni ĉiuj vokitaj el l' oriento kaj okcidento por adori la veran Dion kaj lian unusolan filon, Jesuon Kriston; ni ĉiuj, kiun lingvon ni parolu, al kiu nacio ni apartenu. Ho ekploru kristanaro! Nia patro estas mortinta.

Nia patro. La patro de l' amo! — Ho serĉu la amon en la hodiaŭa mondo! Kie ĝi estas? Ĉu en la familioj aŭ komunumoj? En la fabrikoj aŭ societoj? En la parlamentoj aŭ ŝtatoj? Inter la popoloj? — Nenie! Preskaŭ ĉie nur malamo, nur disputado, nur interbatalo, nur perforta rabado, nur kruela mortigo! Ho terura vintro estas en la hodiaŭa mondo, vintro sensuna, senluma, senama vintro en la animoj de la malfeliĉaj homoj . . .

Kaj vidu! En ĉi tiu tutmonda vintro kruela, sensuna, senviva, senama nia patro ekstaris kiel grandioza profeto, kiel profeto de la universala ĉionampleksanta, korbruliga fratamo. De la unua tago de sia mizeroplena regado li laŭte kaj laŭtege kriegis la sanktan ordonon de l' Dia Majstro: Fratoj, amu viajn proksimulojn kiel vin mem! Kaj en multaj koroj lia helpkrio ekflamigis fajron elĉielan. Kaj el lia patra koro amobrulanta elfluis vere supernatura helpemeco por ĉiuj kaj ĉiaj mizeruloj el ĉiuj landoj kaj lingvoj, el ĉiuj rasoj kaj religioj. Jen, la katolika, la universala amo efike vivis kaj agadis en lia grandanima patra koro. Ho ekploru kristanaro! Nia patro, la patro de l' amo estas mortinta.

Nia patro! La patro de l' paco. Ho la paco! Donu al ni la pacon! Tiel ekkrias sopire la homaro soifanta je paco. — Sed kio estas la paco? Nenio ol la amo efike realigata en ĉiuj eksteraj rilatoj kaj ĉiuj homaj agadoj. Ho, ĉu mi memoru la teruregan malpacon de la lastpasintaj jaroj? Ĉu mi memoru la mortigon de milionoj da kristanaj fratoj? Ĉu mi memoru la dezertigitajn batalkampojn, ruĝaj de homa sango, la kortuŝantajn helpkriojn de la mortfalintoj, la plorojn de la infanoj, la dolorojn de la vidvinoj? . . . Ne pri tio ni silentu je la tombo de nia patro! Ni nur elvoku: Meze de ĉi tiu senfina, sangoruĉa oceano de l' malpaco, nia patro staris — preskaŭ kiel soleculo, kaj korbrulante de amo kaj kompato li petis, li petegis la ŝtatestrojn, la popolojn, la homaron: Ĉesu, ĉesu, sensenculoj! Donu la pacon al la kruele suferantaj nacioj! — Sed oni malaŭdis lian voĉon; eĉ siaj infanoj ofte lin malaŭdis! Kaj lian koron premis granda doloro pro tio kaj unu el liaj lastaj vortoj estis: Ni fordonu nian vivon por la paco de l' mondo . . . Ho ekploru homaro! Nia patro, la patro de l' paco estas mortinta.

Nia patro estas mortinta. Pro tio ekploru Ika-anaro! Nia patro li estis precipe, li, la papo de la paco kaj amo, de la repacigo kaj internacia kunhelpo. Kun amoplena zorgemo li benis nian laboron kaj ĝojigi lian patran koron per nia repaciga agado, tio estis plej dolĉa, plej agrabla ŝarĝo . . .

Ho, nia patro estas mortinta! Sed ĝoju ni! Nia patro ne estas morta. Li nur foriris de ni; el la larmoplena valo de l' tero li foriris en la ĝojegoriĉan printempan landon de l' ĉielo, kie ne plu estos larmoj kaj mizeroj. Do ĝoju ni! Lia koro, brulanta de amo jam surtere, nun ripozas ĉe la fajra koro de Jesuo kaj liaj okuloj — nun senvaluataj — ĉiam vidas la misteron de l' Triuno . . . Kaj tutklare li vidas nin ĉiujn, siajn erareblajn infanojn, kiuj laboras, agadas, suferas por realigi lian belegan testamenton: Fordonu ni la vivon por la paco de l' mondo!

Ho nia sankta patro, elverŝu elĉielen vian sanktan benon kaj donu al ni ĉiuj la forton de la sanktuloj, ke ekstaru perfekte la Dia regno de l' amo kaj paco surtere!

## Vivu la Papo!

**Ho nia glora patro, Pio XIa, ni, viaj humilaj kaj senfortaj infanoj, frate kunligitaj el ĉiuj lingvoj kaj ĉiuj landoj, ni vin salutas kiel nian patron, kiel Diovokitan ĉefestron de la tutmonda katolika familio. Solene, antaŭ la tuta mondo, ni submetigas nin kaj nian laboron al via volo kaj ordono. Tio estas nia plej kora sopiro, nia plej intima deziregо, servi la sanktan eklezion kaj kunhelpi laŭ niaj malmultaj fortoj, ke estu realigata la regno de l' amo kaj de l' paco en la homaro!**

## Benedikto XVa.

Nur malmultaj tagoj forpasis, de kiam la tombo de l' granda papo estis fermata. Tro malmulte da tempo por tute laŭjustece indeci la regadon de l' mortinto! Kelkaj vidpunktoj tamen rimarkinde distingiĝas. Ilin ni akcentu!

Eksteren la regada tempo de Benedikto XVa videble distingiĝas de l' regado de lia antaŭulo Pio Xa. „Omnia instaurare in Christo" laŭ la programo de l' apostolo, estis la alta celo de Pio Xa. Kaj li serĉis realigi tion precipe per la persona edukado de la kreduloj al supernatura vivtenado, al vera piemeco. Ŝajne la pontifikato de Benedikto XVa karakteriziĝas per tute kontraŭa agadmaniero. Sed nur ŝajne! La tutmonda katastrofo de l' milito devigis la papon, apliki la kristanajn principojn al specialaj gravegaj problemoj. „Omnia instaurare in Christo" — tio devis esti realigata precipe per la repaciĝo de la popoloj reciproke sin batalantaj en malfrata krueleco. Neniu alia ordono de l' Savinto tiagrade ŝajnis esti forgesata ol la ordono de reciproka justeco kaj amo, valoranta tamen laŭ Dia volo tiel por la nacioj kaj popoloj kiel por la individuoj. Akcentegi ĉi tiun ŝajne forgesitan ordonon en la mondo, tiu estis la granda tasko de l' papo dum la tutmonda milito. „Ut Christi caritas rursus dominetur in hominibus", ke la karito de Kristo denove estiĝu reĝanta en la mondo, tio do ne estis alia ol apliko de l' „Omnia instaurare in Christo".

Ne necesas speciale memori denove ĉiujn alvokojn de la nun mortinta papo por la paco! De l' komenco de la pontifikato ĝis la fino li ne laciĝis labori por

## Graco atendanta.

Biblia rakonto de A. v. Krane.*)

Profundblue arkaĵiĝas la ĉielo super la lando de Samario.

La somera tagmezsuno fajre flamas, tial, ke la aero tremas pro ĝia brulo. Kalkblanke brilas la vojoj inter la polvogriza verdo de l' olivarboj kaj la pajlpala flavo de l' grenkampoj. L' Elbalo kaj la Garizimo, fieraj montoj je ambaŭ flankoj de l' valo de Siĥem, ardante staras en la vertikalaj radioj de l' tagastro. Vibranta tremlumo kaj fajra sunbrilo senlace fluetas laŭlonge de la kalkŝtonaj deklivoj kaj la sporadaj dornarbetaĵoj kontrastas kiel nigraj insuletoj.

En la bluetanta malproksimo, sur fiera roka sidejo, hele lumas Siĥem, la praantikva ĉefurbo kaj pli proksime lumbrilas la blanke kalkumitaj urbdometoj de Siĥar.

Kie la mallarĝa valo iom post iom plivastiĝas al ebenaĵo, densa grupo de nigraj cipresoj gracie levas la trunkojn meze de la senombraj grenkampoj. Bele ĝi ŝirmas ĉarmetan ripozlokon por lacaj migrantuloj: la Jakobo-punto kun sia bele masonita fontbordo. Tie trinkigis iatempe la prapatro siajn brutarojn, kiam li estis stariginta la tendojn en la paŝtejoriĉa valo de Siĥem.

Nenio sin movas en la cirkaŭaĵo de l' fonto; neniu marŝas sur la proksima pilgrimstrato. La vojaĝantoj, kiuj alitempe vive popoligas la straton, timas ĉi tiun sunfajran tagmezhoron kaj jam longe ili estas interrompintaj la veturadon por atendi pli agrablan tagtempon. Senmove, silente, forlasite dormas la sunlaca regiono kaj soleco kuŝas je la senviva strato. Neniu voĉo eksonas en la arda brulado tagmeza; nur la senĉesa ĉirpado de la griloj akre sonoradas . . . Krom tio estas ĉio solena silentado.

Nur unu soleculo sidas ĉe la fonto, perdiĝinta en profunda meditado. La densaj arboj, leviĝante post lia sidejo, detenas la fajran sunlumon. Iliaj branĉoj silentadas, kvazaŭ ili timus ekveki lian profundan trankvilon. Se ili posedus langon, pie ili flustrus: „Tian homon ni vidis neniam. Jam multaj estis ripozantaj en nia ombro, sed neniu egalas lin."

Vere, ili estas pravaj, kvankam neniu povus diri, kia estas la diferenco inter li kaj la ceteroj. Li estas simpla, humila, majesta homo.

Sur lia belforma korpo li portas la blankan vestaĵon de la migrantaj predikistoj kun malhela surtuto. La kapotukon kun la kutima brunkoloro li estas forpreninta kaj metis ĝin super sia bastono kuŝanta sur la ŝtona sidejo. Multaj cent da homoj tiamaniere estas vestitaj, havas la saman altgracian staturon — kial ĉi tiu fremdulo estas tute alia ol ĉiuj filoj de l' Adamo?

Per sia beleformata mano li apogas la kapon kaj rigardas malproksimen, laŭlonge de l' vojo, kvazaŭ li estus atendanta iun.

Kelkfoje siaj okuloj flugas al la Garicimo, kies kruta pinto fiere sin levas al la somerbrula ĉielo. Sur ĝia supraĵo staras ankoraŭ la ruinoj de l' templo, kiun la Samaritanoj iam konstruis por adori Dion, post kiam la Judoj el la babilona kaptiteco revenintaj refuzis ĉian religian komunecon kun ili; ĉar kvankam de juda deveno, ili ofte estis sin intermiksintaj kun idolanoj. Kolerigite pri tiu rifuzo la Samaritanoj starigis la templon sur la Garicimo, kiu antaŭ pli ol cent jaroj dum militado kun la Judoj detruita, nun disfalas en ruinoj. Sed la obstina popolo neniam estis cedinta de la sankta monto, sanktigita per estimindaj tradicioj. Tie oni oferas kaj adoras, tie oni festas la Paskon — abomenaĵo por la ortodoksaj Judoj, por la forpelitaj Samaritanoj tamen fiera kontentigo.

La fremdulo scias ĉion; sed ne pro tio altiras lin la Garacimo. Li tien vidas same kiel li estis rigardanta laŭlonge de l' vojo al Siĥar. Li rigardas kiel patro atendanta la revenon de infano, kiu estas foririnta en la mizeron. Tiel amoriĉa, tiel pacienca estas lia vizaĝo kaj sia okulo preskaŭ dolorplena pro superfluanta kompatemo.

Ĉi tiu okulo rigardas pli malproksimen ol ĉiuj homaj okuloj. Trapenetrante ĉiujn terajn barilojn, ĝi venas ĝis iu domo en la urbeto, kie virino plenumas siajn ĉiutagajn laborojn, ne devinante, kiu memoras pri ŝi, ne sciante, ke la anima mizero de tuta ŝia vivo estas disvolvita antaŭ li kiel nefermita libro. Li scias, kiom ŝi eraris, kiel grave ŝi pekis. Ho li scias ĉion! Li scias ankaŭ, ke io estas en ŝia animo malkontenta kaj ĉiam ŝin admonas: „Ne bone mi nun vivas. Mi devus esti alia, pli bona! Sed kiamaniere? Ho mi volus serĉi sanigilon, kiu kvietigu mian korfrakasantan maltrankvilecon . . . sed kie?"

Ho, tion ŝi ne diras laŭte. Neniu ja komprenus ŝin. Ankaŭ pli frue neniam estis iu ĉe ŝi, kiu estus parolinta pri ĉielaj demandoj. Pro tio ŝi vivis kiel ŝi estis ĉiam vivanta, ne pli bone sciante tion . . . Malgraŭ ĉio, iu ardanta soifo brulas en ŝia koro, soifo je fonto, kiu alportus al ŝi daŭran refreŝiĝon.

Kaj nun iu estas veninta, kiu ne timas la vojon tra malamika lando, nek la fajran bruladon de la somera suno, nek ĉiujn penojn de laciga migrado. Kaj li nun sidas ĉe la fonto de Jakobo kaj atendegas la mizeran animon kaj sopiras je la erarintaj ŝafoj de fremda regiono, kiujn serĉas lia soifanta amo por aligi ilin al sia ŝafaro . . . La sankta horo de la Dia vizitado estas veninta! La graco atendanta . . .

(Daŭrigota.)

*) El la rakontoj „Seine Vielgetreuen" („Liaj fidelegoj"), eldonejo J. P. Bachem, Köln, Germanujo; tradukis pro Fahnl, Vieno.

la vere ideala tasko de l' anstataŭanto de la pacreĝo Jezuo Kristo. Nur ni akcentu la vere programan parolon de 1a aŭgusto 1917, kiu devas resti ne nur la klara programo de kelkaj pacemuloj katolikaj, sed esenca parto de l' socia programo de l' katolikaro tutmonda: „La bruta potenco de l' perforto devas esti subigata per la morala potenco de l' rajta justeco." Ĉi tiu parolo montras klare la admirinde larĝan politikan horizonton de l' papo; la anstataŭigo de l' perforto, kiu karakterizas la nuntempan socian anarĥion en la mondpopolaro, per supernacia kaj interpopola rajto, tio estas la ĝusta celo de l' homara evoluo depost unu jarcento, kaj samtempe la realigo de prakristanaj principoj en la socia vivo.

Kiel doloris la papon la konscienco, ke siaj tiurilataj klopodoj ne povis sukcesi pro la egoismo de la registaroj en ĉiuj landoj kaj ne lastrange pro la profunda manko de kompreno flanke eĉ de l' katolikaro mem! Persone mi neniam forgesos la dolorplenan parolon de l' Sankta Patro, per kiu li plendis antaŭ mi en la privata aŭdienco de 12a oktobro 1920 pri la malkomprenemeco de la katolikoj mem: „La mondo tiel profunde tombis en nacionalismon kaj ŝovinismon, ke ĝi ne plu povas kompreni la voĉon de l' kristanismo — eĉ ne la katolikoj!" En kiu grado ĉi tiu grandega ideo de l' repaciĝo de l' mondo penetris la koron de l' papo, montris ja lia lasta parolo: „Volonte ni fordonu la vivon por la paco de l' mondo."

Fakte la pacemaj klopodoj de l' papo ĝis nun ne alvenis al sukseco. La mondo de hodiaŭ estas ankoraŭ malpacema, almenaŭ plena de reciproka malkonfido, el kiu naskiĝas laŭnature malamo kaj milito. Tamen esti volinta grandan celon estas jam signo de granda homo.

Kaj senfruktaj sendube la klopodoj de l' papo ne restis. Se almenaŭ la katolikoj ĉiulandaj ekkomencis kompreni la malkristanecon de l' perforto en la politiko, la neceson de ĝia anstataŭigo per reciproka justeco kaj amo, se ili unuiĝos estonte en praktikaj klopodoj por la realigo de tiuj ĉi veraj principoj prakatolikaj, jam granda paŝo antaŭen estos farita en la mondo. La aliaj sekvos — se ili ne jam estas antaŭirintaj.

Estas nedubebla, ke ĝuste la porpacaj klopodoj de l' papo Benedikto XVa alportis grandegan simpation flanke de la bonvoluloj ĉiulandaj al papeco mem kiel simbola reprezentanto de l' katolikeco supernacia, heroldo senegoisma kaj senpartia de la plej granda ideo de l' nuntempa socia movado. La pontifikato de Benedikto XVa estas karakterizita per mirinda kresko de l' morala influo de l' Sankta Seĝo kaj per grandaj diplomataj sukcesoj. Anglujo, kies diplomataj interrilatoj de jarcentoj jam estis interrompitaj, Fra[illegible]jo, kies registaro ofendeme estis traktinta la k[illegible]karon kiel la Sanktan Seĝon, denove Romon sendis [illegible]basadorojn. Aliaj ŝtatoj sammaniere serĉis interrilatojn diplomatajn kun la Vatikano, tiel ke la nombro de ŝtataj reprezentantoj ĉe l' Vatikano multobliĝis.

Oni nomis la papon Benedikton XVan diplomaton pro la vere grandaj diplomataj sukcesoj dankindaj al li kaj lia kapablega ŝtata sekretario kardinalo Gasparri. Tamen mi volas energie kontraŭdiri ĉi tiun vorton. Ĝuste al mi ŝajnas rimarkinda koncerne Benedikton XVan, ke li ne volis esti „diplomato", alcelanta eksteran potencon de l' Eklezio, sed nur sincera servanto al la interna tasko de l' regno de Dio en la mondo. Ĝuste per tiu sinceremeco prakristana, la servemeco al la regno de l' Krista amo sur tero, Benedikto XVa gajnis la grandan konfidon de ĉiuj bonvoluloj, per tio li multe pli ol per ekstera evoluigo de l' potenco de l' Eklezio vere grandigis la influon de l' Eklezio en la mondo en ĝia plej alta tasko: konduki la individuojn kiel la homaron mem al la regno de Dio, kiu estas regno de justeco, amo, paco. Dro M. J. Metzger.

## La tutlanda kunveno de la germana „Centro-partio".

La plej energia agado politika hodiaŭ estas urĝa devo por la katolikoj de la apartaj landoj. Ĉar en la parlamentoj kaj registaroj oni decidas pri la religiaj institucioj, lernejoj ktp. Kaj plej ofte la kontraŭekleziuloj saĝe uzas ĉi tiun okazon por realigi siajn idealojn, dum la katolikoj plej ofte estas disigitaj en malgrandaj kaj pro tio malfortaj partioj aŭ partietoj.

Tute simila estas la situacio en la internacia agado. Forta internacia katolika kunagado ankaŭ sur la politika kampo estas do ĉefa tasko nuntempa. Oni ne diru: la politiko nur disunuigas la katolikojn. Jes, eble vi estas prava. Sed pripensu! Nur la naciegoista politiko, kiu ne estas laŭ la principoj de la katolika amo kaj justeco, certe ĉi tiu egoista kaj perforta politiko disunuigas la popolojn. Pripensu plue! Kio disunuigas la katolikojn? Nur la troa naciema politiko. Sed krom tio ekzistas multegaj taskoj sur la religia, kultura, sociala teritorioj, kie la katolikoj povas kaj devas kunhelpi. Fine eĉ la naciema politiko tute ne laŭnature kaj necese devas disunuigi la katolikajn fratojn. Ĉar la principoj de la politika agado katolika estas nur: justeco kaj amo. Realigu ni katolikan politikon, kaj ĉiam kaj ĉie ni trovos praktikan, kristanan solvon por la ofte malfacilaj problemoj de l' ekstera politiko.

Do ni ne timu pritrakti eĉ politikajn problemojn. Kontraŭe ili estas plej necesaj. Tial ŝajnas utile, ke ni ekkonu la politikan agadon de la katolikoj diverslandaj.

La tutlanda kunveno de la Centro-partio. La 15an ĝis 17an de januaro 1922 en Berlino okazis la tutŝtata kunveno de la „Centro-partio". Multnombraj partoprenantoj estis kunvenintaj el ĉiuj distriktoj kaj profesioj. La „Centro" estas la kristana popolpartio de Germanlando, simila al la „popolari" en Italujo. Ĝi ne estas speciala partio de unu profesio, sed universala popolpartio, enhavanta reprezentantojn de ĉiuj profesioj. Hodiaŭ ĝi nombras 72 deputatojn en la „Reichstag" (tutlanda parlamento) kaj kvin ministrojn en la nuna imperia registaro. La famkonata kanceliero (prezidanto de la ministerio) Dro Wirth, kiu persone estas sindonema pacamiko, apartenas al la partio.

La nunjara kunveno estis plej signifa. Ĉar dum tritaga tre vigla diskutado oni starigis la novajn principojn de la partio saĝe konsiderante la multajn spertojn de la milita kaj revolucia tempo. Pri ĉi tiuj principoj, kiujn oni devas koni por ĵuste prijuĝi la politikan agadon de la katolikoj germanaj, ni raportos okaze. Ĉar la partio nun havas grandan influon en la registaro, ĝiaj principoj ankaŭ direktas eksteran politikon de la ŝtato.

Dum la kunveno oni detale pritraktis ĉiujn problemojn de la interna kaj ekstera politiko ekz. la batalon por la kristanaj lernejoj, la virina movado politika, la katolikaj studantoj kaj la partio ktp. Plej interesa estas la resolucio pri la principoj de la ekstera politiko. Ĝi finas per la ĝojiga konstato: „La vere kristana komuneco de la popoloj estas por la partio la plej alta idealo de politiko tutmonda." Plej aplaŭdite kanceliero Dro Wirth diris pri tio en sia parolado: En la nuna ĥaoso de la tutmonda ekonomio oni devas fari liberan vojon por la prudenteco. Super ĉio staras por ni la praktika laboro; servi al la patrolando kaj al nia popolo, tio estas por ni sankta, kristana servo; tio estas la granda amo, kiu ampleksas ne nur la propran popolon, kiu same volas fari bonon servante al la tuta homaro, al ĉiuj, kiuj portas homan vizaĝon." K. Herbsthoff, Westfalio.

**2000 abonintoj**

estas necesaj, por ke K. M. aperu dusemajne. Dank' al la senlaca kunhelpo de niaj samideanoj la unua 1000 estas trapaŝata. Ni intencas, se iel ajn estas eble, eldoni la duan kolekton (Nroj 11—20) jam dusemajne.

**Do kunlaboru! Varbadu!**

Rimarko. K. M. daŭrigas la enketon pri la politika agado katolika. Kore mi petas ĉiujn interesemulojn, kunlabori agade sur ĉi tiu kampo. Oni elpetu detalaĵojn de la redakcio per poŝtkarto.

## La rekonstruo de la detruitaj preĝejoj en Francujo.

El Germanujo ni ricevas jenan leteron:

„Sub tiu titolo la ‚Friburga Tagpoŝto' publikigis artikolon, kie estas komunikata, ke por la rekonstruo de la pli ol 3000 detruitaj preĝejoj en Francujo ĝis nun ne estas multe farita . . . Nun la episkopoj de la koncernaj eparĥioj interkonsentis organizi ‚societojn por la rekonstruado de la preĝejoj', kiuj kune formas specon de akcia societo. Per pruntoj de 6% la necesa mono devas esti kolektota. Oni komencos eldoni la unuan prunton plej baldaŭ kaj la franca gazetaro jam lancas urĝajn alvokojn al la francaj katolikoj pri forta subteno de la granda entrepreno.

La redakcio rimarkis: ‚Ankaŭ ni germanaj katolikoj dezirus al la rekonstrua laboro plenan sukceson; ĉar ni eksperas, ke tiamaniere fermiĝos unu el la plej doloraj vundoj de la franca popolanimo, kiun la milito kaŭzis, por ke estu malfermitaj la vojoj al vere katolika kunlaborado.'

Leginte ĉi tiun artikolon venis al mi la penso, ke al tiu granda afero partoprenu ne sole la francaj katolikoj, sed la tutmonda katolikaro kaj ne laste ankaŭ la germanaj katolikoj. Ĉar ĉi tio plej favorus la mondpacmovadon. Por atingi tion, oni plej bone povus fondi en ĉiu lando komitaton por gajni mondonacojn por la rekonstruo de la preĝejoj detruitaj en Francujo. Mi pensas, ke ‚Ika' estus la plej kapabla instituto por instigi la unuajn paŝojn al tia celo. H. A."

Kun granda ĝojo ni publikigas ĉi tiun el Germanujo venintan leteron. La propono, ke kunhelpu la ĉiulandaj katolikoj por rekonstrui la detruitajn ekleziojn estas bona, bonega.

Sed nun trovi praktikajn vojojn! Pri tio ni malfermas diskutadon.

Ekzistas certe multe da eblecoj. Ekzemple oni povus pensi, ke la Apostola Seĝo mem aranĝu tutmondan monkolektadon por la rekonstruo de la preĝejoj. La sukceso sendube estus granda.

Alia vojo, ke sin formu sub la protektorato de la Papo mem aŭ de iu Roma kardinalo internacia helpkomitato katolika por preĝejoj detruitaj.

Tria vojo, ke sin organizu pli aŭ malpli privata helporganizo, kiu donus la kolektitan monsumon al la Apostola Seĝo por disdoni ĝin al koncernaj episkopoj.

Fine estus tre bela ideo, se Ika mem aranĝus monkolektadon internacian por rekonstrui almenaŭ unu eklezion en la dezertigita teritorio, unu eklezion kiel eternan signon de la vere internacia katolika amo.

Unu eklezion de la katolika paco tutmonda. Ika-anoj ĉiulandaj pripensu tion!

Urĝe ni petas niajn legantojn, ke ili faru proponojn praktikajn pri tiu bela afero. Ni raportos en proksimaj numeroj pri la proponoj kaj la esperebla trovota vojo de agado. Ika siaflanke estas preta kunhelpi laŭpove por realigi internacian kunhelpon por la rekonstruado de la detruitaj preĝejoj. Ĉar tio estas vere katolika, vere repaciga, vere entuziasmiga agado. Certe estus utila afero disvastigadi ĉi tiun ideon de organizata kunhelpo en la katolika gazetaro tutmonda. K. M.

## Donu al ni Esperanto-preĝlibrojn!

Tiun postulon ni senĉese aŭdas de niaj junaj samideanoj, kaj tiu postulo estas tre komprenebla, ĉar alkutimiĝi al nova lingvo, perfekte ĝin ekposedi nur tiam estas eble, kiam ni ĝin plej ofte, ĉiutage, uzas. Kun eksterlandanoj ni ne ĉiutage povas korespondi; niaj ĵurnaloj estas plej parte ankaŭ nur monataj, do ni ne ofte havas okazon uzi Esperanton. Eĉ seriozajn sciencajn, edifajn librojn, kiujn homo relegas ĉiam denove, legas peco post peco ĉiutage, bedaŭrinde ni ne havas. Restas nur niaj ĉiutagaj preĝoj kaj se ni povus ilin fari en modela Esperanto, ni volontege tion farus, ĉar preĝante en Esperanto, ni konscias nin plej bone kiel anoj de unu universala Eklezio, gefratoj en Kristo. Vere ni jam havas kelkajn Esperanto-preĝaretojn, sed bedaŭrinde preskaŭ ĉiuj ili estas tre mankhavaj, eraroriĉaj, kun superflua latina teksto . . . Do estas urĝa neceso havigi al Ika-anaro sufiĉe ampleksan en modela Esperanto kun bone elektitaj preĝoj sen latina teksto skribitan preĝaron, ke aĉetinte ĝin ni povu el ĝi preĝi kaj ne teni ĝin metitan sur librobreton. Dua urĝa tasko estas havigi al ni bonan tradukon de Biblio, ĉar la en Londono eldonita „Nova Testamento" estas diversrilate nesufiĉa. Se ni povus ĉiutage en perfekta Esperanto, peco post peco, ensorbadi tiun dolĉan instruon de Kristo pri ĉionampleksanta amo, kiom volontege ni tion farus kaj kiom pli efika fariĝus tiu legado, ĉar ni tiel en unu sama direkto perfektigus la animon kaj la lingvan formon.

Tria urĝa bezono estas edifaj verkoj, kiujn bona kristano ankaŭ ĉiutage legas. Donu tiajn verkojn en Esperanto kaj ni havos perfektajn esperantistojn, sindonemajn eklezianojn, al kiuj inter ili kaj Eklezio ne enŝoviĝas ekstrema naciismo, tiu moderna paganismo, kiu, kiel ni vidas en niaj tagoj, milojn, eble milionojn da homoj elŝiras el la katolika Eklezio.

Jes, tiuspecaj verkoj estas al ni urĝege necesaj kaj niaj samideanaj pastroj eĉ tagon ne devus prokrasti tion fari. Vi diros, ke apenaŭ neniu riskos eldoni tiujn verkojn pro la neaĉetado de Esperanto-libroj. Sed ĉu vere Esperanto-libroj ne estas aĉetataj? Jes, oni tre malmulte aĉetadas tute sensignifajn rakontetojn, verkitajn ofte en malbona stilo, sed necesaj Esperanto-libroj, kiel lerno- kaj legolibroj estas vendataj po dek- kaj eĉ po centmiloj. Al Kristano plej necesaj libroj estas preĝaro, Biblio, edifaj verkoj. Tio estas lia ĉiutaga pano. Donu al ni tiun ĉiutagan panon en nia kara lingvo kaj vi vidos, ke en kelkaj tagoj la eldonaĵo estos elĉerpita. Nia malgranda Litovujo tuj povas preni almenaŭ 200 ekzemplerojn. Nur donu ilin plej baldaŭ!

J. Mačernis, Litovujo.

Rimarko. En la sekvonta numero ni raportos pli detale pri tiu salutinda alvoko. Ni nur rimarkos, ke Paŭlus-eldonejo jam preparas tiuspecajn verkojn. R.

## La kvarcentjara jubileo de la propaganda kongregacio.

La misia tasko, la disvastigado de la sankta religio, estas radike kunligita kun la ekzistado de l' eklezio. Tamen multaj centjaroj preterpasis antaŭ ol la Apostola Seĝo kreis specialan institucion por organizite ordigi la tutmondan misian laboron. Kaj la fondiĝo kaj unua evoluo de propaganda kongregacio tutklare montras, kiom da malfacilaĵoj ofte devas superitaj antaŭ ol granda eklezia institucio efike estas starigata.

Dum la mezepoka periodo la misiaj ordenoj preskaŭ tute sendepende kaj memstare plenumis la misian laboron en la diversaj teritorioj de Eŭropo kaj proksima oriento. Post la malkovro de la novaj grandaj terpartoj la Apostola Seĝo fordonis la patronatajn rajtojn por ĉi tiuj teritorioj al la tiamaj mondŝtatoj, Portugalujo kai Hispanujo, kiuj per tio prenis sur sin la taskon, kristanigi la idolonajn regionojn. Sed neniam mankis voĉoj, kiuj ne aprobis ĉi tiun metodon, dirante ke la misia laboro precipe estas tasko de l' eklezio kaj ne la aparta afero de kelkaj ordenoj aŭ ŝtatoj. Laŭtege ili postulis la kreon de misia centrejo internacia en Romo.

Sed multaj jaroj preterpasis ĝis kiam oni komencis fondi tiuspecan institucion. Tre modestaj estis la unuaj paŝoj. Pio Va starigis 1568 du specialajn komisiitarojn. Liaj posteuloj parte pligrandigis la institucion, parte ili tamen ne ĝuste komprenis la signojn de la nova tempo. Je la fino de la 15a centjaro Klemento VIIIa plej fervore reekprenis la ideon kaj kreis tutmondan misian centrejon kune kun kardinalo San Severino. Baldaŭ denove pereis la bone komencita instituto.

Sed la plano estis enradikiĝinta. Entuziasme kelkaj piaj viroj senlace laboris por vekigi la ĝeneralan komprenon por la misia tasko katolika, precipe Domeniko de Jesuo kaj Girolano da Narni. Fine la Papo Gregoro XVa en la epifania festo de 1622 kreis la propagandan kongregacion (congregacio de propaganda fide). 13 kardinaloj kaj 2 prelatoj estis komisiitaj realigi la gigantan entreprenon por la laŭsistema kaj bone organizata disvastigado de nia sankta religio en la tuta terrondo.

Plej granda malfacilaĵo estis komence trovi sufiĉajn monrimedojn por la granda instituto. Sed la ringimposto de la kardinaloj kaj la multaj donacoj de la fideluloj baldaŭ alportis sufiĉan financan subtenon. Senlace de nun la kongregacio laboris por la disvastigado de la Dia regno. Precipe oni devas admiri la eminentan prudentecon, per kiu oni tuj komprenis la plej urĝajn taskojn de la tiama „moderna" tempo. Estis decidplena epoko tiam. Multaj eŭropaj popoloj estis forlasintaj la sanktan eklezion. Novaj terpartoj kun idolana loĝantaro estis malkovritaj. La presarto, antaŭ nelonge eltrovita, kreis tute novan staton en la popolamasoj. Per libroj kaj gazetoj oni rapide povis propagandi kontraŭeklezian instruojn. Sed la nova kongregacio ne hezitis eluzi ĉiujn „modernajn" ilojn por la restarigo kaj pligrandigo de

# La dua Internacia Laborkongreso Katolika en Luxembourg.

## La 30an de julio ĝis la 3an de aŭgusto 1922.

3a komuniko.

**Pripensoj.** Kion vi pensas pri la nunjara kongreso? Ŝajne vi estas iomete hezitema. Vi pensas: Ho, tiel longdaŭra veturado multekosta; kaj la restado en Luxembourg, altvaluta lando; kaj la malagrablaĵoj de l' vojaĝo; kaj la somera varmego . . . mi devus sviti . . . kaj tiom da mono . . . jes tiom da mono . . . !

Eble vi estas iomete prava. Sed pripensu, kara amiko! Luxembourg, nia kongreslando, ne estas altvaluta ŝtato; ĝi havas saman monvaloron kiel Belgujo. Pripensu: la cirkaŭaj landoj ĉiuj estas altvalutaj ŝtatoj. Belgujo kaj Francujo unuflanke. Aŭstrujo kaj Germanujo aliflanke. Do vi veturados tra malaltvalutaj ŝtatoj! Pripensu: la vivteno en Luxembourg mem ne estas tiel multekosta. Laŭpove oni preparos komunajn loĝejojn por malriĉuloj kaj gejunuloj en institutoj . . .

Pripensu plue. La partoprenado al la kongreso estas sankta tasko. Ni katolikoj ja ne kunvenas por diri vanajn parolojn aŭ aranĝi luksajn banketojn . . . Ni kunvenas al praktika laboro por la Dia regno de l' amo kaj paco. Ĉu vi ne volas porti kelkajn oferojn por la Dia regno? Estu grandanima! Dio repagos.

Antaŭ multaj centjaroj niaj prapatroj — ne timante la plej grandajn malagrablaĵojn de danĝerega vojaĝo, korĝoje partoprenis la krucmilitirojn por gajni la „sanktan landon", elkriante: „Dio ĝin volas!"

Alian „sanktan landon" ni devas hodiaŭ akiri, la landon de la animoj: ni devas revivigi, disvastigadi la prakristan spiriton de la amo kaj paco . . .

Do la nunjara kongreso, aranĝata en bonvola konsento de kongresurba Episkopo, devas esti grandioza demonstracio de la bele ekfloranta internacia katolika movado.

Do ne hezitu! Anoncu vin tuj. Prizorgu ĝustatempe vian pasporton kaj venu!

**Kotizo.** La kotizo estas fiksita jene: por Svisujo, Hispanujo, Anglujo, Francujo, Italujo kaj similvalutaj statoj 10 Fr., P., Ŝ., L. ktp. Por Germanujo, Baltikaj ŝtatoj, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Jugoslavio kaj similvalutaj ŝtatoj 30 M., ĉ. K., L., D. ktp.; por Hungarujo 100 h. K., por Polujo, Aŭstrujo 300 p. M., 300 a. K. — Por gejunuloj, studantoj ktp. oni povas doni rabaton ĝis 50% laŭ interkonsento.

**Kongrespartoprenanto** estas ĉiu katoliko, kiu pagis la kongreskotizon. Se li persone ne povas ĉeesti, li ricevos kongresraporton laŭeble presigotan.

**Invitoj** estas presitaj en angla, franca, germana, itala lingvoj. Mendu kaj disdonu ilin al interesemuloj!

**Financa subteno.** La elspezoj por la preparo kaj aranĝo estas grandaj. Financa subteno estas plej urĝa devo.

**Ne forgesu sendi monon por la garantia fundo. Kolektu, sendu tuj mondonacojn!**

Mono por la kongreso oni pagu **en naciaj bankbiletoj** de la partoprenantoj per enskribata letero al „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5 (Aŭstrujo), sub „Kongreso" aŭ al la nacia direktoro de Ika. Oni ne pagu en aŭstraj kronoj kaj ne per poŝtavizoj!!

---

l' eklezio. Tuj ĝi fondis lernejojn kaj kolegiojn por eduki taŭgajn gvidantojn; tuj ĝi kreis la famkonatan „Propaganda-presejon", kiu eldonis la necesan literaturon.

Sendube la nuna tempo en multaj rilatoj similas al la tiama epoko. Hodiaŭ same la popoloj estas forlasintaj l' eklezion. La internaciiĝo de la scienca kaj kultura movadoj postulas la plenumon de tute novaj kaj grandiozaj taskoj. Komprenu ni la signojn de l' tempo!

Argus.

## Libera tribuno.

3. La internacia batalado kontraŭ la senmoraleco.

Tutprave la senmoraleco estas nomita „la blanka morto". Ĉar la malĉasteco ne nur detruas terure la korpojn de la vivantoj, ĝi mortigas eĉ milionojn da nenaskigitaj infanoj kaj ĝi mortigas, kio estas la plej plorinda mizero, milionojn kaj milionojn da animoj reaĉetitaj per la ĉiovalora sango de Jesuo-Kristo. Estas tute superflue, ke oni priskribu detale ĉi tiun teruran malsanecon de la kulturnacioj modernaj. Ofte oni plendas, ke la kruela milito tutmonda forrabis tiom da junuloj kaj viroj en ilia plej bela kaj forta vivtempo. Sed ŝajnas al mi, ke la „blanka morto" estas ankoraŭ pli kruela, pli danĝera ol la „ruĝa". Ĉar la plimulto de la homoj, blindigitaj per la ĉiutaga kutimo, ne plu vidas, ke en sia mezo vivas la „blanka morto", ke li ĉiutage iras tra la stratoj kaj placoj de niaj urboj, ke li frapas al multaj dompordoj, kaj li enpenetras multajn ĉambrojn kaj forprenas bele florantajn knabojn kaj knabinojn, fortajn virojn kaj virinojn, ke li mortigas infanetojn, kiuj neniam estas vidintaj la ĝojigan taglumon . . . ke li forrabas sennombrajn animojn, ĉiutage grandan armeon de malfeliĉegaj animoj . . . Ho si oni povus vidi ĉi tiun armeon de blinduloj, malsanuloj, lepruloj, sensenculoj — infanoj, gejunuloj, viroj, virinoj! Se ni povus vidi la armeon de la mortantaj aŭ mortintaj animoj! Trairu nur niajn modernajn ĉefurbojn kaj vidu la bildojn en la montraj fenestroj; vidu la librojn plej ofte legitajn; vidu la domojn kaj hotelojn de la peko; vidu la knabinojn sindonintajn al la aĉetebla voluptemo; vidu la kaŝitajn angulojn, kie oni fabrikas la senmoralajn bildojn kaj poŝtkartojn por delogi la gejunulojn kaj — gajni multege da mono. — Kaj tiam iru en la senĝojajn, seninfanajn familiojn, kie la „blanka morto" detruis la junan feliĉon, kaj vizitu la malsanulejojn, kie kuŝas la malfeliĉuloj, la rabaĵo de la peko . . . Sendube la „blanka morto", trairanta senhalte, ĉiutage la tutan teritorion de la kulturnacioj estas plej granda danĝero.

Bedaŭrinde la katolikoj ĝis nun ne ĉie kaj ĉiam organizite laboris kontraŭ ĉi tiu terura malamiko de la homaro. Certe kelkaj pioniroj de la porĉasta movado kaj kelkaj grupoj aŭ organizoj plej sukcesplene laboras en ĉi tiu rilato subtenante la edukan laboron de l' Eklezio. Sed tre ofte nekatolikoj estas gvidantoj en ĉi tiu laŭdinda agado. Sendube plej urĝa tasko estas rekristanigi la popolojn, la apartajn homojn. Ĉar ĉiuj ŝtataj leĝoj, ofte bonaj, ĉiuj publikaj institucioj ne daŭre povas sukcesplene batali kontraŭ la voluptemo, loĝanta en la homaj koroj. Aliflanke organizata laboro povas tamen laŭsperte atingi multon; ekz. ĝi povas kaŭzi la plibonigon de la ŝtataj leĝoj tiurilataj; ĝi povas krei instituciojn por savi la malfeliĉajn knabinojn, por kontraŭbatali la internacie organizitajn gekomercistojn de la knabinoj, kiuj ekzistas en ĉiuj modernaj ŝtatoj. La internacia unuiĝo por la protektado de la knabinoj (Centra Sidejo, Fribourg, Svisujo), jam dum multaj jaroj sukcesplene laboras sur ĉi tiu kampo. Do nacia kaj internacia organizigo de la porĉasta movado katolika ŝajnas al mi plej necesa.

Fto St., Svisujo.

ad 3. Tre pripensinda propono, sed iom delikata kaj malfacila afero. Jam ekzistas en kelkaj ŝtatoj movadoj katolikaj tiurilataj; precipe la virinaj unuiĝoj ofte energie bataladas. Do unua tasko laŭ mia opinio ne estas krei novajn organizojn tie, kie jam ekzistas bone laborantaj. Oni nur kompletigu ilin. Sed du aliaj pensoj ŝajnas al mi gravaj:

1. Estas necese havi movadon por ĉasta vivo, sur religia, sur katolika bazo; do organizo kun tute positiva celo, kiu ne nur kontraŭbataladas la senmoralecon. Ni bezonas armeon de ĉastaj homoj kaj tiam ni plej efike detruos la senmoralecon!

2. Plue estas necese iom post iom krei internacian kunlaboradon de la jam ekzistantaj organizoj kaj institucioj naciaj. Kompreneble ili devas resti memstare. Sed interŝanĝo de la spertoj (leĝoj, institucioj), de la opinioj ktp. estus certe tre utila. Fine post sufiĉe longa tempo oni povus efektigi vere agadan kunlaboradon ekz. kontraŭ la gekomercistoj de la knabinoj, kontraŭ la internaciaj organizoj por la disvastigado de senmoralaj bildoj ktp. Oni povus eĉ instigi, kune kun la aliaj nekatolikaj organizoj samcelaj, la Ligon de la nacioj, por ke ĝi kreu internacian pormoralecan leĝon ktp.

Do la unuaj paŝoj necesaj laŭ mia opinio: Oni ne faru laŭtan bruon; oni ne kreu grandan organizon, kiu nur starus sur la papero. Oni agadu, silente, pripensite; oni kreu internacian sekretariejon, kiu kolektas kaj peradas la adresojn de la interesemuloj; kiu faras la unuajn preparojn; poste oni pritraktu, se ŝajnas eble kaj necese, en malgranda rondo la problemon dum nia sekvonta kongreso kaj poste oni jam vidos la praktikajn vojojn.

Mi finas rakontante ke Blanka Kruco (internacia enlanda misio katolika), kiu jam praktike laboras sur ĉi tiu kampo, deklaris sin preta dum sia lasta konferenco, laŭpove kunhelpi por krei tiuspecan internacian kunlaboradon. Do sendu vian adreson al CAO, se vi interesiĝas pri la internacia porĉasta movado katolika.

(Oni elpetas aliajn proponojn.) K. M.

## El ĉiuj landoj.

**La nombro de la militinvalidoj.** Laŭ oficiala taksado de la Internacia Laborista Oficejo en Genevo la nombro de la militinvalidoj el la 12 militintaj ŝtatoj estas 5,010.000. Inter ili en Francujo kaj Germanujo proksimume po 1,500.000, Anglujo 1,161.000, Italujo 570.000, Polujo 320.000, Jugoslavujo 154.000 ktp.

**Usono.** La situacio de l' eklezio ĉi tie estas tute alia ol en la eŭropaj ŝtatoj. De la komenco ĝi estis tute memstare kaj sendepende de l' ŝtato. Tio devigis la katolikojn prizorgi mem agade viglan agadon religian. Ekzemple ili organizis la konstruon de katolikaj lernejoj sendependaj, de kiuj ili nun havas pli ol 10.000.

Alia rimarkinda diferencpunkto estas la agada kunhelpo de la laika elemento. Dum la lastaj jaroj nun oni kreis tutŝtatan organizacion laikan kun Centra Oficejo en Washington. Ĝi konsistas ĝis nun el 5 grandaj sekcioj. Por efike garantii la ĝustan subordonon sub la hierĥio eklezia ĉiun sekcion prezidas episkopo.

Laŭ la lasta oficiala denombro en Usono troviĝas 17,885.000 katolikoj. La prizorganima pastraro nombras 21.600; paroĥaj eklezioj 10.790; misiaj stacioj kun eklezioj 5790. J. K.

**Ĉeĥoslovakujo.** La nuna situacio de l' eklezio estas karakterizita per la batalado inter la romkatolika kaj nacie-ĉeka eklezio, kiu estas disiĝinta de Romo. Ne estas facile havigi al si klaran bildon. Sendube per la elekto kaj rekono de episkopoj la nacie-ĉeka eklezio ricevis pli grandan forton kaj influon. La vera nombro de la nova sekto ne estas konstatebla hodiaŭ. Se ĝia oficiala organo „Cesky Zapas" diras, ke la nombro de la disiĝintaj katolikoj estus 2,500.000, tio sendube estas multe troigita. Laŭ la lasta ŝtata denombrado en Praha 58% estas katolikoj, 128.000 senkonfesiuloj kaj 85.000 anoj de la nacie-ĉeĥa eklezio.

Sed la katolika vivo nun bonege ekfloras. La katolikoj nun agade partoprenas je la registaro. Baldaŭ estos solvata en la parlamento la problemo de la disiĝo inter ŝtato kaj eklezio. Plue tre vigla kombato komencis antaŭ kelkaj monatoj por liberaj katolikaj lernejoj. Granda parto de l' instruistaro estas senreligia kaj oni klopodas malebligi la religian edukadon de l' infanoj. Perforte oni forigis ofte la krucsignojn . . .

Sed la katolikoj nun energie kontraŭstaras. Por kunigi ĉiujn fortojn ili formis „katolikan konsilantaron", al kiu estas aliĝintaj ĉiuj movadoj. Ĉi tiu konsilantaro starigis specialan sekcion por la internaciaj rilatoj: la komitato de la propagando katolika ĉeĥoslovaka en eksterlando, kiu havas kiel ĉefan celon informi la alilandajn katolikojn pri la situacio de l' eklezio. Granda nombro de korespondantoj estas nomita por la ĉefaj landoj; inter ili unu por Esperanto. B.

**Anglujo.** La katolika vivo mirinde plifortiĝas. La nombro de la katolikoj estas nun 1,915.000 t. e. 7% de la tuta loĝantaro. Dum la jaro 1920 oni nombris 21.750 katolikajn edziĝojn, t. e. 1000 pli ol en la pasinta jaro. Dum la sama tempo 10.500 personoj revenis al la katolika eklezio kaj 58.000 infanoj estas baptitaj. La nombro de la katolikaj popollernejoj estas 1200 kun 180.000 infanoj. E.

**Francujo.** Kio nova en Francujo pri sociala movado? Kiel vi scias ekzistas du sociaj movadoj, la socialista kaj la kristano. La socialista disunuiĝas kaj baldaŭ ni havos du CGT (Konfederacio ĝenerala de la laboro). Unu sekcio, la komunista, inklinas al ekstremaj solvoj; la alia serĉas savigon en iu reformismo. La sindikalistoj (radikala sekcio), kiu 1919 nombris 2,600.000 anojn, hodiaŭ nur havas 600.000; tamen ĝi estas tre forta nuntempe.

Dume ĉiu sindikalismo malgrandiĝis, la kristanaj sindikalistoj plimultiĝis. Ili estas kunligitaj en „Konfederacio franca de la kristanaj laboristoj". 1920 oni nombris 578 sindikatojn; 1921 tamen 758. La tuta nombro de la kristanaj sindikanoj estas eble 140.000.

Gravey.



## Mondjunularo Katolika (Moka).

Komunikoj de la Centra Oficejo.

Ion ĝojigan mi povas sciigi al la tutmonda Moka-anaro. Nia protektoro lia episkopa moŝto grafo Gustavo Karlo Majlath sendis per nia prezidanto Prof. Arnold al la tuta Moka-anaro lian episkopan benon, dezirante al nia laboro plenan sukceson. Ni ĝoju pri tio! Jam kelkfoje nia protektoro donis pruvon, ke li tre ŝatas nian laboron. — Diversaj delegitoj sendas regule artikolon malgrandan pri la katolika junula movado, sed granda parto ne. Mi nepre petas, ke la delegitoj en Nederlando, Ĉeĥoslovakujo, Polujo, Hungarujo, Jugoslavujo ktp. ankaŭ sendu mallongajn noticojn por nia oficiala organo Katolika Mondo. — Moka eldonis varbfolietojn en kvin lingvoj. Mi kore petas, ke ĉiu mendu certan kvanton por la disvastigo inter la katolika gejunularo, katolika gazetaro ktp. Nia Moka nur tiamaniere estas konatigata en la katolika mondo. La nova broŝuro „Ni katolikoj kaj la internacia junula movado" speciale taŭgas por ampleksa propagando en la germanlingva teritorio. Do, estas devo, por ĉiu delegito aĉeti kelkajn ekzemplerojn aŭ iamaniere kunhelpi ĝin disvastigi. Fine mi ankoraŭ atentigas je la eldonita „Ile-adresaro". Baldaŭa mendo estas rekomendinda.

Hanns Sappl, ĉefsekretario.

## Internacia poŝto.

Sro L. Hispanujo. Certe vi estas prava. La papero de K. M. ne estas bona. Sed estas plej facile plibonigi la paperon. Verbu 150—200 abonintoj en Hispanujo kaj K. M. aperos sur pli bona papero kaj en pli granda formato! Do, karaj samideanoj en Hispanujo, kunhelpu plibonigi kaj plioftigi K. M. Cetere la 2a kolekto (11—20) aperos verŝajne sur pli bona papero almenaŭ por la altvalutaj ŝtatoj. Monon por Ika aŭ. K. M. oni sendu plej bone al la nacia direktoro Pro Mariano Mojado, Abascal 13, Prâl A, Madrid. Sed oni sendu mendo-karton al Ika aŭ al Paŭlus-eldonejo, Graz.

Sro H., Essen, Germanujo. Ni laŭdegas vian agadon. Dum duonjaro niaj amikoj en Essen fondis 8 Ika-grupojn en sia urbo kaj kolektis preskaŭ 500 abonintojn de K. M. — Imitadu tian ekzemplon kaj la venko estos certa!

Sro M., Germanujo. Ika volas pacon. La persona afero kun Dro H. ne tuŝas ĝin rekte, ĉar la ĉefa atako turnis sin kontraŭ la persono de Dro M. Do unuavice li persone decidu pri tio. La tuta persona afero post sufiĉa klarigo estis transdonata al la kompetenta eklezia autoritato.

Sro S., Polujo. Jes ni ĝojas, ke paco estos realigota. Ĉar la batalado malutilas ĉiam la tutan movadon. Ĉiu agadu laŭ sia konscienco, sed ĉiu ĉiam katolike; tiam estos facile havi pacon. Pri tio ni ne dubas.

Sro B., Polujo kaj aliaj. Vi miras, ke la lasta numero ne pli detale raportis pri la kongreso en Luxembourg. Jen la kialo: Tuj post la publikigo de la kongreso en K. M. kaj en aliaj gazetoj, kontraŭuloj de Ika inter ili ankaŭ Dro [illegible]elt, kiu eĉ per anonimaj flugfolioj dissenditaj en tuta Germ[illegible], klopodis malutili Ika-laboron, skribis personajn leterojn a[illegible] Episkopa Moŝto de Luxembourg, urĝege petante, ke li ne permesu la kongreson. Post detala klarigo tamen L. E. M. konvinkiĝinte pri la boneco kaj sincereco de niaj klopodoj, bonvole permesis la aranĝon. Tion ni konstatas. Juĝu mem pri tiuspeca agadmaniero!

K. M.

## Sudgermana Esperanto-kongreso en Salzburg.

La 24—26an de marto okazos en Salzburg sudgermana Esperanto-kongreso. Ĉiujn informojn donos: Esperanto-grupo Salzburg, Mönchsberg Nr. 5.

## Fina klarigo.

Dum la presigo de ĉi tiu numero ni ricevis Espero Katolika Nro 2, kiu bedaŭrinde daŭrigas la batalon malkorektan kontraŭ Ika kaj Moka. Ni resignas je publika diskutado. Pri la sekvonta **kongreso** ni nur konstatas jenon:

Lia Episkopa Moŝto de Luxembourg en decembro post persona elparolado kun Dro Metzger estis doninta sian bonvolegan konsenton, ke la kongreso okazu en Luxembourg. En januaro ni publikigis tion en K. M. kaj aliaj gazetoj kaj L. E. M. letere donis Lian konsenton. Sed tuj post la publikigo L. E. M. flanke de kontraŭuloj de Ika, i. a. de Dro Hotzelt, kunhelpanto de Dro Smulders kaj kunlaboranto de E. K., ricevis leterojn, per kiuj oni petegis la Episkopon, ne permesi la kongreson. Post detalega klarigo tamen L. E. M., konvikiĝinte pri la sincereco kaj boneco de nia intenco, bonvole donis sian konsenton denove. Jen la lasta letero de la Episkopa sekretario adresata al Dro Metzger.

Eparkio de Luxembourg, la 17an de februaro 1922.

Tre estimata Sinjoro!

Mi ricevis la honorigan ordonon, sciigi vian pastran moŝton, ke nun, ĉar multnombraj rekomendoj de via grandega entrepreno flanke de la episkoparo estas prezentitaj, nenio kontraŭstaras, ke via laborkongreso, sub la en via lasta letero donitaj certigoj, okazu ĉi tie en Luxembourg.

En Kristo sindoneme

m. p. Ed. Garnisek, kan. sekr.

**La legantaro juĝu mem pri la detruanta agadmaniero kontraŭ Ika. Ni preferus silenti pri tio, sed E. K. devigis nin paroli publike. Ni nun finas ĉian publikan diskutadon. Se la kontraŭuloj de Ika ĉesos sian batalon, estos paco. Se ne, ili daŭrigu la batalon, ni la praktikan laboron!**

**Kasparo Mayr, ĉefsekretario de Ika.**

